# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • NOVEMBRO 1951 • NUMERO 11

## Enhavo:



## Informoj de SES:

**Predplatiteľom časopisu „El Popola Ĉinio" do pozornosti.** Od 1. I. 1952 Slov. esp. ústav prestal byť zástupcom časopisu EPĈ. Jediným zástupcom „El Popola Ĉinio" v ČSR je teraz s-ano **Rudolf Burda, Plzeň,** Palackého 6, ktorému Slov. esp. ústav odovzdal všetky objednávky a platby, ktoré dostal pre EPĈ na rok 1952. Prosíme všetkých predplatiteľov a ďalších záujemcov, aby sa vo všetkých veciach, týkajúcich sa EPĈ (objednávky, reklamácie, predplatné atď.) obracali vždy priamo na s-ana Burdu a jemu posielali aj predplatné (Kčs 75.— na rok, prípadne doplatky, ak platili menej).

Časopis „Popola Mondo", orgán Čínskej esperantskej ligy, prestal vychádzať.

Časopis **„La Esperantista Laboristo"**, dvojmesačník pokrokovej organizácie Franca Labor-Esperantista Federacio, možno objednať u s-ana Vlad. Slaného, Kutuzovova 29, Ostrava-Vítkovice. Predplatné na rok Kčs 40.—.

**Letné kolégium esperanta v Doksách** bude t. r. od 26. VII. do 9. VIII. Pýtajte si prospekt a prihlášku. Adr.: Letní kolej esperanta, Doksy u Máchova jazera.

**Tatranské esperantské leto 1952.** Letné kolégium esperanta v Doksoch zamýšľa usporiadať po 10. VIII. 1952 desať—až štrnásťdenné Tatranské esperantské leto. Cez deň by sa konaly výlety do Tatier, predvečer by bol seminár s odbornými prednáškami, večer spoločenská zábava. Jazykové kurzy nie sú na programe TEL. Bližšie informácie o TEL v prospekte o Letnom kolégiu esperanta v Doksách.

**ESPERANTISTO SLOVAKA v r. 1952 nebude vychádzať.** Prosíme preto všetkých doterajších predplatiteľov časopisu a členov SES, aby predbežne neposielali platby na účet členského a časopisu na rok 1952. O ďalšej práci SES a o všetkom, čo sa týka esperantského hnutia na Slovensku a v celej ČSR SES bude informovať osobitným obežníkom. — Nedoplatky za minulé roky si láskave vyrovnajte.

**Záujemcom o esperantskú literatúru oznamujeme,** že Slov. esp. ústav nemôže t. č. dodávať esperantské knihy. Niečo má Sväz esperantistov ČSR, Praha II, Malá Štěpánská 7, pýtajte si soznam.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adresa: Martin. ČSR-Slovensko), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. — Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a vedúci redakcie MUDr. Ľ. Izák. — Členom SES zadarmo. Členovský príspevok 100 Kčs platné povolilo. Riad. pôšt číslom 22.857-I.-1948., — Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 21.098/51-II/3-394/A.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adreso: MARTIN, ČSR-Slovakujo), gazeto de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. — Fondinto A. Váňa. — Redaktas E. V. Tvarožek kaj la gvidanto de la redakcio: D-ro Ludoviko Izák.

Tlačiareň — Presejo: Severoslovenské tlačiarne, n. p., zákl. závod, Martin.
Výmer PIO č. 21.098/51-II/3-394/A.

---

## Pieseň práce – Kanto de laboro

Na svojich schôdzkach často chceme zaspievať Pieseň práce, po esperantsky, ale dosiaľ sme nemali vhodný preklad. Preto s veľkou radosťou uverejňujeme dokonca dva preklady, ktoré sme dostali a z ktorých prvý sme už spievali v Košiciach ,z príležitosti krajskej schôdzky esperantistov. Je z pera nášho najstaršieho samideána A. D. Kremera, kým druhý nám poslal s-án J. Friedrich od s. J. Kořínka z Brna. Vyberte si!

Eksonu kant' per tuta fort',
Laboron laŭdu ĉiu vort',
Ĉar estas ĝi valor'.
Ja eĉ la gajnon de l' kultur'
Labor' honesta donas nur.
Honor' kaj glor' al la labor'!

Labor', patrino de l' progres',
Batalas ĉiam kun sukces'
La mond' vekiĝas de l' dormad'
Eĉ kontraŭ malfavor'.
Kaj venkos nia batalad'.
Honor' kaj glor' al la labor'!

Tradukis *A. D. Kremer*

Eksonu, ho, majesta kant'
kaj estu de Labor' laŭdant',
de l'homa gent' simbol',
ĉar eĉ donacojn de kultur',
Labor' honesta donas nur.
Honor' kaj glor' al vi Labor'!

Labor', patrino de l' progres',
la sklavarmeon al sukces'
en venka gvidos hor'.
Feliĉa kantos la homar',
kun ĝoj' post venka finbatal':
Honor' kaj glor' al vi Labor'!

Tradukis *Jiří Kořínek*

---

*J. V. Dolinský:*

### La objekta predikativo.

Lernante Esperanton sen instruisto, oni konstatas, ke la plej malfacila gramatikaĵo estas sendube tiu, kiu koncernas la uzadon de la rektobjekta aŭ atribua predikativo. Ja, ne nur pro tio, ke la predikativon oni facile intermiksas kun la rektobjekta epiteto, sed ankaŭ ke iujn ĝiajn formojn oni ne uzas en la natura lingvo.

La celo de tiuj ĉi linioj estas: klarigi tiun ĉi predikativon kaj tiel plifaciligi ĝian uzadon.

Oni bezonas bonan instruistinon, serĉas ŝin kaj trovas. La ideon pri ŝia trovo oni povas envortigi jene: „Oni trovis bonan instruistinon". Ni analizu la propozicion laŭ ĝiaj elementoj.

ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • NOVEMBRO 1951 • NUMERO 11

# Banská Bystrica – perlo de Hron-valo



Banská Bystrica, metropolo de centra Slovakio, pro sia situo kaj konstrubeleco apartenas al la plej ĉarmaj malnovminejaj urboj (privileg-dokumento el 1255). Ĝi fariĝis lulilo de kontraŭfaŝista rezisto, centro de Slovaka Nacia Revolucio kaj post la liberiĝo sidejo de Regiona Nacia Konsilantaro.

Banská Bystrica estas pura, moderna urbo kun asfaltitaj stratoj, bona kanalizacio, akvotubaro kaj montara trinkakvo. En la urbo estas du hoteloj kaj tranoktejo de Slovakotour. B. Bystrica entenas multajn riĉajn kulturajn, historiajn kaj artajn memoraĵojn, inter ili

vicon de patriciaj domoj, stile ornamitaj per memortabuloj al naciaj revivigantoj kaj herooj de la Nacia Revolucio.

Ĝi estas grava kultura, lerneja, ekonomia, industria kaj politika centro, kun multaj sportaj ekipaĵoj (du someraj strandbanejoj, futbalstadiono, skisaltejo, glitveturvojo, eminentaj skiterenoj kaj moderna hokejejo). Por turisto ĝi estas elirejo en la montarojn de Granda Fatra, Malataj Tatroj kaj Slovaka Erca Montaro.

La plej malnova parto de la urbo kun kelkaj restintaj urbaj muregoj estas la t. n. Kastelo (iama fortikaĵo) kun du preĝejoj — en unu el ili troviĝas altvalora ligna altaro de majstro Paŭlo el Levoča. Proksime troviĝas la gotika Malnova Urbodomo (Praetorium) kun daŭra ekspozicio de Slovaka Nacia Revolucio. En la dua etaĝo de la konstruaĵo estas ankoraŭ videbla bela loĝio.

Sur la Placo de Nacia Revolucio staras la domoj de la familioj Fugger kaj Thurzo, iam posedantoj de la mineja kaj fandeja entreprenoj. Ĉi tie staras ankaŭ la gotika Urba Domo (nun sidejo de Unueca Nacia Konsilantaro) kun blazono sur la balkono, kaj la romkatolika episkopa rezidenco. La placon ornamas monumento al la falintaj herooj de la Ruĝa Armeo kaj belega fontano.

La militaj okazintaĵoj forte damaĝigis la urbon. Nun regas en la urbo ĝojiga, vigla konstruado: Banská Bystrica, unua en la Revolucio, volas pruvi sian primaton ankaŭ ĉe la rekonstruo kaj konstruado. Dum rekorda tempo ĝi riparigis kaj adaptigis 240 domojn kaj konstruas pluajn. La urbo kaj la ŝtato rekonstruas kaj konstruas stratojn, pontojn kaj publikajn spacojn.

La centro de la societa kaj kultura vivo estas la Nacia Domo (hotelo, kafejo, kun teatrejo kaj prelegejo). Ĉi tie funkcias la Unuigita Klubo de Entreprenoj en Banská Bystrica kaj la profesia regiona Centroslovakia Teatro el Zvolen.

La Urba Muzeo entenas riĉajn kaj valoregajn numismatikajn, natursciencajn kaj folklorajn kolektojn.

La ĉirkaŭaĵo de Banská Bystrica ebligas belegajn ekskursojn al interesegaj vilaĝoj kun originaj popolkostumoj kaj kutimoj. Somera kaj vintra turismoj estas eblaj en la proksimaj montoj — ĉien kondukas markitaj turistaj irvojoj.

La plej interesa kaj plej facile atingebla perlo de turismo kaj fremdultrafiko estas la stalaktita groto de Harmanec, la t. n. Izbica kun belega subtera kalkoŝtona labirinto, vizitebla ĉiutage dum la tuta jaro. *Dr. A. Križka.*

# Kultura kaj spirita vivo de Banská Bystrica

Kiel estas dirite ankaŭ aliloke, Banská Bystrica estis ekde la XIII-a jarcento mineja urbo. Krom ministoj eklogîs ĉi tie ankaŭ diversaj metiistoj kaj komercistoj. Tiuj ĉi bone prosperis kaj tio allogadis pluajn loĝantojn.

Tiuj ĉi materiaj kondiĉoj estis la bazo de kultura ekfloro de la urbo; sed ĝiaj fruktoj estis tiam nur por la tielnomataj „placurbanoj" (germane: Ringbürger), al kiuj apartenis la minejoj kaj kiuj havis specialajn privilegiojn.

En la unua duono de la XVI-a jarcento Banská Bystrica estis jam fama pro siaj lernejoj kaj superis la ceterajn urbojn de la centra Slovakio. La ĉi tiea protestanta gimnazio estis la unua lernejo, kie oni (jam en 1550) prezentadis t. n. „lernejajn teatraĵojn".

En la dua duono de la XVI-a jarcento la urbo jam havas propran *libropresejon*. Ĉe la lernejoj kaj ekleziaj institucioj ekestis *bibliotekoj*, el kiuj por niaj tempoj restas savitaj kelkaj dekmiloj da libroj.

La *teatra vivo* en lernejoj kaj monaĥaj ordenoj konstante plifortiĝadis, sed oni prezentadis plejparte nur teatraĵojn kun religia enhavo kaj por elektita publiko. Profanaj teatraĵoj komencis esti prezentataj nur fare de *migrantaj teatraj societoj;* la unua dokumento pri tia prezentado datiĝas el la jaro 1768. Amatoraj teatristoj komencis prezentadi (slovaklingve) en 1824 kaj en 1840-41 ili ricevis en la urba domo ŝtonan, daŭran teatrejon, kiu povis akcepti proksimume 400 homojn. Ekde la unua duono de la XIX-a jarcento vizitadis la urbon hungarlingve prezentantaj teatrosocietoj.

La bona materia prospero de la loĝantaro manifestiĝis ankaŭ en la konstruarto. Kvankam la plejparto de la urbo estis en 1761 detruita de brulego, ĉiuj *konstru-stiloj* restas ankoraŭ reprezentataj per pli-malpli grandaj postrestaĵoj, troviĝantaj dise tra la tuta urbo. Post la malprogresiĝo de la metioj kaj komerco, venis dekadenco ankaŭ en kulturo, precipe en la nacia, dum la nacieca subpremado fine de la XIX-a kaj komence de la XX-a jarcentoj. Nova ekfloro de la kulturvivo venis post la liberiĝo en 1918. Ekfunkciis slovakaj lernejoj, kiuj krom kultura kresko ebligis ankaŭ la politikan memkonfidon de la nacio. Grandan meriton pri tio havis ankaŭ la politika gazetaro.

Krom la *teatro* (en 1929 la bystrica-aj teatristoj grupiĝis en la Teatra

Societo, kiu dum 20-jara ekzistado estis unu el la ĉefaj amatoraj teatroj en Slovakio) ankaŭ filmo, lernejoj, prelegaroj kaj aliaj diversaj kulturaj aranĝoj instruis al la popolo la ĝustan manieron de politika pensado. Tiel edukita, la loĝantaro esprimis sian altan politikan moralon per iniciato de la Slovaka Nacia Revolucio en 1944, kies rezulto estis ne nur nacia, sed ankaŭ sociala libereco de Slovakio.

Nuntempe en Banská Bystrica estas 17 lernejoj. La teatristoj unuiĝis en la „*Teatro de Laborantoj*" ĉe Unuigita Klubo de Entreprenoj. Dum ses jaroj la „Teatro de Laborantoj" havis pli ol 220 prezentadojn de progresemaj teatraĵoj. Ĉe la Unuigita Klubo funkcias ankaŭ popola orkestro, kantĥoro kaj diversaj rondetoj, en kiuj grupiĝas laborantoj kun diverstendencaj interesoj. Novaj rondetoj estas konstante starigataj.

La urba biblioteko, fariĝinta nun Regiona Popola Biblioteko kun legejo, havas ĝis nun naŭ migrantajn bibliotekojn kaj la nombro de ĝiaj regulaj vizitantoj daŭre kreskas. En ĝi estas lokita ankaŭ la kolekto de pli ol cent plej malnovaj libroj, paleotipoj el la periodo de malfrua gotiko kaj komenca periodo de libropresado en Banská Bystrica (1470—



La Nacia Domo (hotelo, teatrejo, kafejo).



Amfiteatro de Paco. — Somera kino.

La iama Urba Muzeo, fondita fine de la XIX- fariĝis nun post reorganizo regiona muzeo. Ĝi posedas riĉajn kolektojn de popolaj artkreaĵoj, precipe kromotipio, pentraĵoj sur vitro kaj lignoskulptaĵoj, kiuj post 1945 jam estis montritaj en kelkaj eksterlandaj ekspozicioj (Ĝenevo, Bruselo, Varŝavo) kaj ankaŭ en pli grandaj urboj de la enlando. En pasinteco tiu ĉi muzeo estis ĉiujare vizitata de nemulte pli ol 1000 personoj, sed post 1949 la nombro de la vizitantoj superas ĉiujare 10.000 kaj konstante kreskas. Tion ĉi ni devas danki al tio, ke al la laborantoj estis ebligita vojaĝado kaj libertempado, kaj ili — vizitante Banská Bystrica — ŝatas viziti la muzeon. Post la finkonstruo de la tutŝtata *Panteono* de la Slovaka Nacia Revolucio, sur la proksima monto Banoš, la kolektaĵoj, rilatantaj la Revolucion, estos transportitaj tien.

En la vivo de la loĝantaro gravan rolon havas la du kinoj de la urbo. Sed ili ne plu sufiĉas kaj tial oni konstruis someran kinon en la Amfiteatro de Paco, kun 8.000 sidlokoj. La ĉijaran Laboristan filmfestivalon partoprenis en tiu ĉi kino dum 6 tagoj 27.000 personoj. Tio ĉi kaj la nombrega publiko okaze de la prezentado de la „Kolektivo de nacia kanto kaj danco" atestas pri la ĝis nun ne vidita intereso de la laborantoj pri kulturaj valoroj.

Pri la muzika eduko de la urbanoj zorgas la *Urba Muziklernejo,* kiu havas tre bonan tradicion. Post la plivastigo de la spaco, en kiu la lernejo funkcias, ĝia nuna lernantaro (200 gelernantoj) duobliĝos. En Banská Bystrica naskiĝis kaj vivis pluraj eminentaj komponistoj; al ili apartenas ankaŭ la premiito per ŝtata premio, Ján Cikker.

En Banská Bystrica aperas kelkaj regionaj kaj entreprenaj *gazetoj* kaj *bultenoj,* kies abonantaro daŭre kreskas, dank' al fervoraj propagandistoj de legado.

Ankaŭ la *fizkulturo progresas.* Post unuigo de la popolaj fizkulturaj societoj en kadro de la akcio „Ni konstruas 50 modelajn sportejojn" en Banská Bystrica estas konstruata sporta stadiono. Dank' al bone organizitaj laborbrigadoj la laboroj komenciĝis en septembro 1951 kaj estas finotaj en 1955. La laboro progresas en etapoj.

La laboro sur la kampo kultura estas ĝojiga, ĉar nuntempe la laborantoj jam grandamase partoprenas kulturajn okazaĵojn kaj konsideras ilin nedisigebla parto de sia ĉiutaga vivo. La laborantoj konsciiĝis, ke en ilia konstrua klopodado, kies celo estas la daŭra paco en la mondo, ĝuste kulturaj entreprenoj plilarĝigas ilian spiritan horizonton kaj donas al ilia laboro novan, celkonscian enhavon.

La loĝantoj de Banská Bystrica estis la unuaj en la batalo por la liberigo de la nacio el sub la faŝisma teroro kaj tiun ĉi honoran lokon ili volas okupi ankaŭ en konstruado de sia patrujo.

*Ján Mičovský.*

---

La tekstojn kaj fotojn por ĉi tiu numero liveris SLOVAKOTOUR, Regiona Grupo por Vojaĝtrafiko en Banská Bystrica. Ĝian eldonon per monhelpo ebligis la Unueca Nacia Komitato kaj Komunuma Gastiga Entrepreno en B. Bystrica.

*Andrej Plávka:*

# Dua kanto

el la poemaro „La Verda Branĉo".

Mi, Ferko Jan el Malužina,
lernanto de la kvara klas'
mi vivas en la land' patrina.
Belkreskas tie en amas'

abioj, trutoj en torento,
kiujn mi kaptas per la man' —
Amikoj ĉiam kiel vento
ludadas kun mi kun elan'

Dimanĉo gaja se ekridas
post falĉo, kiam brilas sun' —
ho, tiam oni ĉe ni vidas
belegajn tagojn de l'aŭtun'!

Hieraŭ timis mia panjo,
ekfulmis ŝia paca vid',
ŝi aŭdis de onklino Anjo
timigajn vortojn pri milit'.

Eĉ mi la lakton ne elsorbis,
maljuna avo en atent'
orelojn streĉis — lin alsorbis
malgaja. nigra antaŭsent'.

Kaj poste forte ekblasfemis
per raŭka voĉ' de maljunul'
„inferpreparojn fari venis
satankanajloj sen skrupul'!"

Rigardis mi okulojn liajn —
blindiĝis ili dum milit' —
mi aŭdis jam terurojn tiajn,
ĉe kiuj mortis ĉies rid'.

Pereis patro en la dua,
apenaŭ mi memoras lin—
ĉu estas ie mano plua,
kiu en mondon gvidos min?

Avidas homoj malbonfaraj
je niaj kampoj kaj montar',
vilaĝoj, patroj, panjoj karaj.
laboro paca en kampar'!

Ili nin lasu en la paco
kun sia aĉa instrument'
ne volas mi jam la minacon
de kuglofajfo kaj turment'...

Mi volas sur la fojno ludi,
ekkoni landojn de l'tutmond'
geografion bone studi,
pri palmoj, cedroj, horizont',

kie la maro brilas ore,
al kiu fluas la river'
saluti kamaradojn kore.
aŭdigi voĉon de l'esper'

samfortan kiel oceano,
por nova vivo kaj epoko,
forigi kriojn de l'satano.
De dek junjaroj sonas voko.

Por pac' en ĉiu land' patrina —
Mi, Ferko Jan el Malužina.

Tradukis *Paŭlo Rosa*

# Glora liberecbatalo de la popolo

La jaroj de la okupacio de ĈSR estis samtempe jaroj de obstina rezisto de la progresemaj tavoloj, gvidataj de la komunistoj. Slovakio, perforte forŝirita de la ĉeĥaj landoj, estis ja ŝajne memstara, sed fakte ĝi tute dependis de la germana superrego, nur la formo de la subpremado kaj ekspluatado estis alia, ŝajne pli milda ol en ĉeĥaj landoj. La ekonomia kaj politika subpremado en Slovakio unuigis la proletarigitajn etbienulojn en unu vicon kun la fabriklaboristoj, al kiuj aliĝis la progresemaj patriotaj inteligentuloj. Inter la etbienuloj aŭdiĝadis la devizo: „La tero apartenas al tiu, kiu ĝin kulturas!“. La fabriklaboristaro montris sian malkontentecon pere de ekonomiaj strikoj, kiel ekz. la granda striko de la ministoj en Handlová en oktobro 1940 kaj tiu en Žilina en 1943. La progresema inteligentularo konstraŭstaris al la pereiga faŝisma ideologio per armiloj ideaj.

La milito kontraŭ Sovetunio kaj la devigita partopreno de la slovakaj soldatoj sur la kontraŭsoveta fronto kaŭzis, ke la rezistmovado ankoraŭ plifortiĝis. Sur la orienta fronto centoj da soldatoj transiris al la Ruĝa Armeo kaj al partizanoj, kaj en batalfrateco kun la sovetiaj homoj purigis la nomon de la slovaka nacio, pelita en la fratmordigan militon. La heroo de la slovaka nacio kaj SSSR, kapitano Jozefo *Nálepka*, falinta en Ukraino en batalo kontraŭ la germanaj faŝistoj, estas modelo de niaj soldatoj, kiuj siajn armilojn turnis kontraŭ la malamikoj de nia nacio.

La persekutado kaj teroro flanke de la faŝista reakcio en Slovakio ne povis haltigi la kreskantan reziston de la vastaj tavoloj. La ilegala movado fortiĝis, la enkarcerigitajn patriotojn anstataŭis aliaj, la ilegala Centra Komitato de la Komunista Partio de Slovakio post ĉiu disbato denove reformiĝis kaj gvidis plu la rezistmovadon. La plej eminenta reprezentanto de la Komunista Partio de Slovakio, Viliam *Široký*, el la malliberejo daŭrigis sian sekretan interrilaton kun la partio kaj instruis ĝin, kiel gvidi la kontraŭfaŝistan batalon.

En la okcidenta, centra kaj orienta Slovakio jam en 1943 formiĝis partizanaj grupetoj kaj tiel esprimplene montriĝis la konturoj de granda liberecbatalo.

En somero 1944, kiam alproksimiĝis la karpata fronto kaj la ofenziva agado de la Ruĝa Armeo, la partizana movado en Slovakio forti-



Bildo el Banská Bystrica dum Slovaka Nacia Revolucio.

ĝis, la rezistmovado fariĝis ankoraŭ pli kuraĝa; tial la Tiso-reĝimo fine de aŭgusto estis devigita peti militistan intervencion de Hitler kontraŭ la partizanoj. Kiam la hitleraj divizioj provis okupi Slovakion, la slovaka popolo ekribelis. Kiel reprezentanton de la ŝtata potenco ĝi proklamis la Slovakan Nacian Konsilantaron en Banská Bystrica, kiu pere de la Naciaj Komitatoj komencis efektivigi la novan grandan epokon de nia historio.

La 29-an de aŭgusto 1944, pere de la Libera Slovaka Radio en Banská Bystrica, la tuta mondo sciiĝis, ke la slovaka popolo, la soldataj taĉmentoj, niaj kaj sovetaj partizanoj komencis kuraĝan batalon kontraŭ la hitleraj entrudiĝintoj, kaj ke en Banská Bystrica estis proklamita la Ĉeĥoslovaka Respubliko.

La animo de la revolucio estis la Komunista Partio de Slovakio. Ĝi instigis al mobilizo de vastaj tavoloj de la popolo kaj emfazis la necesegon de senkompata batalo. La mobilizajn alvokojn obeis 45.000 volontuloj, kiuj kune kun la revoluciaj taĉmentoj kaj partizanoj reprezentis 80.000 revoluciulojn.

Jam en la unuaj tagoj de la revolucio kamarado Klement Gottwald en Moskvo turnis sin al la plej superaj instancoj de USSR por akiri helpon al la Revolucio. Laŭ decido de kamarado Stalin la 2-a ĉeĥoslovaka paraŝuta brigado translokiĝis aervoje al Slovakio kaj la sovetaj flugmaŝinoj veturigadis materian helpon al la Revolucio. La Ruĝa Armeo direktis sian ofenzivon al Dukla en Karpatoj.

La revolucio vekis grandan atenton en la mondo. Malgraŭ la enmiksiĝo de la burĝaro, ĝi batalis por jenaj celoj: liberigi Slovakion kaj ĈSR de la faŝisma reĝimo de Tiso kaj Tuka kaj de la hitleraj entrudiĝintoj; ebligi al la popolo partoprenon en publika administrado; plialtigi la vivnivelon per justa divido de la nacia enspezo; sekurigi al la laboristo salajron konforman al lia laboro; doni teron al tiuj, kiuj ĝin kulturas, sekurigi la egalrajtecon de la ĉeĥa kaj slovaka popoloj en komuna ŝtato — la nova Ĉeĥoslovaka Respubliko; estigi firman aliancon inter ĈSR kaj USSR; elbatali kaj sekurigi justan kaj daŭran pacon.

La revolucio alportis kruelajn batalojn kontraŭ la germana perforto. En la regulaj frontbataloj, daŭrantaj dum du monatoj, famiĝis la heroeco de la revoluciaj taĉmentoj kaj evidentiĝis la solidareco de la laboruloj. Naskiĝis la unueco de la popolo en entreprenoj, urboj kaj vilaĝoj. Krom Rusoj batalis kune kun la slovakaj ribeluloj, ankaŭ




La unua Centra Sekretariejo de Slovakia Komunista Partio en Ban. Bystrica — septembro, oktobro 1944.

2000 Ĉeĥoj, kiuj transiris la limojn de la tiama Protektorato, plue Hungaroj, Bulgaroj, Francoj, Poloj, Rumanoj ktp., entute anoj de 22 nacioj.

Tamen malgraŭ la heroa rezisto, la germanaj elitaj divizioj sinsekve militakiris la revolucian teritorion. Fine de oktobro la milita gvidantaro retiriĝis en la montaron, nepostlasinte klarajn kaj precizajn ordonojn, kio kaŭzis, ke multaj revoluciaj soldatoj falis en la manojn de la okupantoj. Sed la batalo de persistemaj soldatoj kaj partizanoj daŭris plu en la montaro, ŝanĝiĝis nur la pezpunkto kaj formoj de la batalo. La hitleranoj, kius havis 8 perfekte armitajn diviziojn, sukcesis militakiri nur la valojn kaj urbojn. La montaroj kaj montvaloj restis en la manoj de la revoluciuloj, kiuj senĉese atakis la okupantojn, ĝis la alveno de la liberiga Ruĝa Armeo en printempo 1945.

*Dr. Fr. Oktavec.*

*Andrej Plávka:*

# Tria kanto

el la poemaro „La Verda Branĉo“.

Mi, aĝa Medzihradský Juro,
de Kraľovany ŝtonpistist',
blokpezan voĉon de naturo
mi sendas al vi kun persist'

kriante „Zorgu!“ — kiel krias
mi antaŭ krako de la min' —
de niaj montoj simfonias
al viaj maroj en kulmin'

la voĉ' de l' tero, kiu brilas
per kantlaboro, vivspirit',
ke semoj kresku ĝi deziras.
ne via aĉa dinamit'.

Nur tia, kiu rokojn minas
kaj ne lulilon de la bub',
ŝoseojn longajn monde ŝpinas,
ne kovras urbojn per la rub' —

disĵetos da barajoj monton,
malhelpos mondon disdividi,
malfermos vaste horizonton,
ke ni pli bone povu vidi,

kion nun faras la farmisto
el Kansas City kun rikolt',
ĉu satas lia farmservisto
dum jar' de trompo kaj malord' —

kiel bankisto Baltimora
ĉantaĝas kun fiŝista cend',
por gajno sia malbonmora
eĉ budon vendas de prolet' —

kaj kion Yankee ĉe Manilo,
vendisto franca en Sajgon' —
kiele preĝas en humilo
la akciuloj en Boston',

Koreon ŝipoj ke alvenu
kun murdilaro el la fer',
ke ili gentojn katentenu
ĝis promontor' de Bonesper',

ke lepron, peston kaj ulceron
ricevu tuj, kies cel':
sur maston histi la liberon,
inkubon murdi de l'mizer'.

Kiom vi vidas ĉe la tabloj
vi brulstampitaj per ĥaos'?
Vizaĝoj kiel mil diabloj
kaj koroj kiel ferambos

por forĝi ilojn plej konsternajn
por novturment, por nova plor' —
al kanibaloj plej modernaj
manĝaĵo mankas kaj la kor'.

Manĝaĵon ili jam preparas,
trinkaĵon fortan el atom',
per fortorestoj ili faras
preparojn novajn per Sodom'...

Mi, aĝa Medzihradský Juro,
de Kraľovany ŝtonpistist',
blokpezan voĉon de naturo
mi sendas al vi kun persist'

kriante „Zorgu!“ — kiel krias
mi antaŭ krako de la min' —
Ni sube, supre vojojn strias,
neniu forto venkos nin!

Tradukis *Paŭlo Rosa*

# La groto Izbica (Ĉambreto) ĉe Banská Bystrica

La urbon Banská Bystrica kaj ĝian ĉirkaŭaĵon oni prave povas nomi centro de socialista vojaĝtrafiko, ĉar vintre kaj somere alveturadas ĉi tien miloj kaj miloj da laboruloj-refreŝiĝemuloj, por ĝui la naturbelaĵojn de la regiono, sed precipe de la unika stalaktita groto Izbica.

Ĝi estas alirebla ekde la jaro 1950, ĉar ĝis tiam estis konata nur la grandega, de suno prilumita, enirhalo. En jaro 1932, la tiam 19-jara Milan Bacúrik, post malfacilega laboro sukcesis penetri en la hodiaŭan Malgrandan Stalaktitan kaj Gotikan Halojn.

La malkovrajn laborojn daŭrigis en 1938 V. Kovalčík, P. Bučan kaj O. Ondroušek. Ili malkovris la Grandan Stalaktitan Halon, la plej imponan parton de la ĝis nun konataj subteraj spacoj. En 1939 V. Kovalčík malkovris la subteran riveretfluejon kaj trafosinte la Sablan Koridoron, eĉ du pluajn egajn halojn. En 1947 V. Kovalčík kaj L. Šperka traesploris la flankajn koridorojn.

Fine de 1948 oni komencis la adaptigajn laborojn, kun helpo de la Regiona kaj Distrikta Naciaj Komitatoj kaj de Slovaka Speleologia Societo, sed ĉefe de la Loka Nacia Komitato en Banská Bystrica, resp. de ĝia Forsta Fako. Dank' al la oferema klopodo de la laboristoj oni sukcesis venki ĉiujn malfacilaĵojn, kaŭzitajn de la tereno kaj altecdiferenco. Samtempe estis efektivigita preciza nivelado de la groto, detala mapigo de la surfaco, geologia-tektonika esploro de la surfaco kaj groto.

La laboroj estis finitaj fine de aŭgusto kaj la groto malfermita la 3-an de septembro 1950. La nova groto vekis grandan intereson kaj ĝis la jarfino estis registritaj pli ol 10.000 vizitintoj.

Dum vintro 1950—51 oni faris alirebla la duan parton de la groto, kies malfermo okazis antaŭ la somera sezono de 1951. En vintro 1951—52 fariĝis alirebla kaj estis malfermita la III-a parto de la groto kun la plej granda, 120 m longa halo.

Dum la printempaj monatoj 1951 la grotestro kun la gvidantoj esploris la t. n. Akvan Koridoron — grupon de sinsekve kuŝantaj lagetoj. La Akva Koridoro estas ornamita per grandegaj sintraj kurtenoj, atingantaj la akvonivelon. Ĉi tiu parto estos alirebla per pendantaj irvojetoj superakvaj.

Laŭ la ĝisnunaj fakaj mezuresploroj oni esperas malkovri pluajn grotajn spacojn kaj tiamaniere solvi la subteran sekreton de Granda Fatro.

*Prof. V. Lenčo.*





Supre: La Harmanec-valo, en kiu troviĝas la groto Izbica.
Malsupre: El la groto Izbica. Pagodoj (detalo).

## EKSPOZICIO DE S. N. R.

La Instituto de Slovaka Nacia Revolucio en Banská Bystrica instalis kaj malfermis daŭran ekspozicion de Slovaka Nacia Revolucio. Ĝi montras tre valoran materialon (precipe fotografaĵojn kaj dokumentojn). La ekspozicio okazas nun en la konstruaĵo de Malnova Urbodomo, poste ĝi estos definitive lokita en la tutŝtata Memorinstituto de la Slovaka Nacia Revolucio, finkostruota en 1954.

La ekspozicio ne montras la revolucion izole, t. e. nur ekde la 29. de aŭgusto 1944 ĝis la liberigo pere la glora Soveta Armeo, sed male, ĝi montras ĝin en dialektika kontinueco kun ĉiuj signifoplenaj okazintaĵoj ekde la Granda Oktobra Socialista Revolucio ĝis la epoko de konstruado de socialismo en nia patrujo.

Temas pri reprodukcio de unuopaj historiaj mejloŝtonoj: la 1-a de majo en Mikuláš en 1918, la decembra striko en 1920 en Mikuláš, la fondo de Komunista Partio Ĉeĥoslovaka, la V-a kongreso de KPĈ en 1929, la lukto kontraŭ la fortiĝanta faŝismo en 1939; ĉiuspecaj formoj de batalo ĝis la venka liberigo; la batalo kontraŭ la reakcio post la liberigo, Februaro 1948 kaj la transiro al la Kvinjarplano. La pezpunkto de la ekspozicio kuŝas inter la jaroj 1939—1944, kie plej forte evidentiĝas la heroismo de la Nacia Revolucio.

# Slovakotour

regiona grupo por vojaĝtrafiko en *Banská Bystrica:*

*Certigas:* teknikajn, ekonomiajn, ideajn kaj organizajn kondiĉojn por vojaĝtrafiko en sia agadsfero.

*Informas:* pri ĉiuj lokoj kaj entreprenoj de vojaĝtrafiko en ĈSR, precipe pri turismaj, banejaj, refreŝigaj, art-, kultur- kaj sportcentroj.

*Peras:* bonan, puran kaj konvenan loĝadon kaj kvalitan manĝadon al amas-ekskursoj, kongresoj, konferencoj kaj aliaj interesuloj je favoraj prezoj; anoncas kaj preparas vian viziton en entreprenoj.

*Organizas:* komunajn ekskursojn tra la tuta ĈSR por fabrikoj, lernejoj, naciaj entreprenoj, entreprenaj grupoj de Revolucia Sindikato, por oficejoj, amasorganizoj ktp.

*Aranĝas:* amasajn klerigajn kaj refreŝigajn ekskursojn kaj rondvojaĝojn por laboruloj, oficejoj, lernejoj, naciaj entreprenoj; por familiaj ekskursoj kaj por la t. n. ekskursoj en Nekonaton.

*Aperigas:* informon pri neĝokondiĉoj, pri vetero kaj stato de akvo. Disponigas fakgvidantojn kaj interpretistojn tra la urbo kaj regiono. Distribuas afiŝojn, faldprospektojn, glumarkojn kaj alispecan propagandmaterialon.

*Konatigas:* okaze de komunaj ekskursoj kun naturbelaĵoj, popolkostumoj, -kantoj kaj -kutimoj; kun historiaj kaj kulturaj memoraĵoj, kun konstruaĵoj de la regiono.

*Vendas:* prospektojn, gvidlibrojn; turistajn, aŭtomobilistajn kaj lernejajn landkartojn; inform- kaj propagandgvidilojn; listojn de turistaj, montaraj kaj sport-hoteloj, turistaj kabanoj, tranoktejoj, sanigejoj kaj aliaj loĝigejoj; bildkartojn (nur pogrande), memoraĵojn, veturordojn, enirbiletojn por teatraj, kinejaj, koncertaj, sportaj, gimnastikaj kaj societaj prezentadoj.

*Donas konsilojn:* pri garaĝoj kaj aŭtomobil-riparejoj, pri konvenaj vagonar-komunikoj, pri aĉeto de popolaj artproduktaĵoj, pri refreŝigejoj.

*Kontroldirektas:* turistajn kabanojn, somerajn kaj vintrajn restadejojn, hotelojn, gastejojn, loĝigajn kaj manĝigajn entreprenojn komunumajn, kooperativajn kaj societajn.

*Eldonas:* informbultenojn por propagandaj, vetur- kaj inform-oficejoj kaj por aktivuloj en vojaĝtrafiko.

**SLOVAKOTOUR servas al laboruloj.**

Vorto, kiu esprimas agon aŭ staton, atribuatan al iu aŭ io — estas *verbo*. Verbo finitiva (kiu montras: tempon, modon, ktp.) estas *predikato* de la propozicio aŭ frazo. En la supra propozicio predikato estas la finitiva verbo „trovis". La agon de la predikata verbo faras, plenumas aŭ suferas iu aŭ io. Tiu „iu" aŭ „io" estas la *subjekto* de la propozicio aŭ frazo. En la analizata propozicio ĝi estas la senpersona pronomo „Oni". Ago, kiun oni atribuas al la subjekto, estas ofte direktata al iu aŭ io. Tiu ĉi „iu" aŭ „io" nomiĝas *objekto*. La objekto de nia ekzemplo estas la vortoj „bonan instruistinon". Objekton, kiu finiĝas per *-n*, oni nomas: rekta kaj se ĝi havas komplementon, ĝia komplemento nomiĝas: *epiteto*. En nia ekzemplo ĝi estas la vorto „bonan". Epiteton povas havi ĉiu substantivo en la frazo. Vorto, al kiu la epiteto rilatas, nomiĝas *kerno-vorto*. La epiteto ĉiam akordiĝas kun sia kerno-vorto: nombre kaj kaze — bon*a* instruistin*o* — bonaj instruistinoj (ambaŭ vorto-paroj estas en sing. kaj nominativo, resp. en pluralo kaj nominativo), bon*an* instruistin*on* — bon*ajn* instruistin*ojn* (ambaŭ vorto-partoj estas en singularo kaj akuzativo, respektive en plur. kaj akuzativo).

La epiteto indikas *konstantan econ*, konstantan kvaliton. En la analizita propozicio la asertata eco de la instruistino, la vorto „bonan" estas tia konstanta eco, sentebla de ĉiu ajn.

Ofte okazas, ke al la objekto oni nur *atribuas* econ, kiu povas ja esti reala, sed samtiel nur imagita de la subjekto. Tiun ĉi *atribuatan econ* oni devas esprimi alimaniere ol la konstantan.

Se oni do ne scias certe, ĉu la instruistino estas bona, se oni tiun ĉi econ, la bonecon, nur atribuas al ŝi, tiam oni devas ĝin esprimi ne per epiteto, kiu akordiĝas kun la objekto nombre kaj kaze, sed per vorto, akordiĝanta kun ĝi *nur nombre,* staranta *en nominativo*. La propozicio do tekstos: „Oni trovis (= oni opiniis) la instruistinon *bona*". La vorto „bona" efikas en tiu ĉi propozicio *dudirekte,* nome: al la objekto kaj samtempe al la predikata verbo, kaj ĝia nomo estas — *atribua predikativo.*

Estas memorinde, ke epiteto nur *nuancas* la sencon de la propozicio, sed la predikativo *ŝanĝas ties* karakteron. La atribua predikativo povas indiki ne nur *la econ* de la rekta objekto, sed en specialaj propozicioj, ankaŭ ties *agon.* Ĉikaŭze la atribuaj propozicioj predikativaj estas duspecaj: *1. atribuaj ec-propozicioj* kaj 2. *atribuaj ag-propozicioj*. Ambaŭ havas po du formoj.

En la ec-propozicio la predikativo povas esti:
a) *substantivo* — Oni elektis ŝin *instruistino.*
b) *adjektivo* — Ŝi konsideris lin *stulta*
En la ag-propozicio ĝi estas:
c) *infinitivo* — Mi vidis la knabinon *labori.*
d) *participo* — Ili aŭdis la infanon *ridanta.*

Ĉiuj ĉi formoj estas *sintezaj,* kiujn en la slovaka — escepte la infinitivan — laŭ la senco de predikata verbo oni *aŭ* malkomponas je du analizaj propozicioj, *aŭ,* anstataŭ la formo kun senprepozicia instrumentalo, uzas formon *akuzativprepozitivan.*

Propozicioj kiel: „Zvolili ju *učiteľkou*" kaj „Pokladala ho *hlúpym*", por la

slovaka orelo sonas fremde. La slovaka postulas ĉi-okaze akuzativ — prepozitivon — Zvolili ju *za učiteľku* kaj Pokladala ho za *hlúpeho.*

La participa formo de la ag-propozicia predikativo estas ĉiam *aŭ disvolvata* en du analizajn propoziciojn: „Počuli, že dieťa sa smeje", *aŭ interŝanĝata* per infinitiva formo: „Počuli dieťa smiať sa" — sed neniam: Počuli dieťa smejúcim sa!

La atribuaj ag-propozizioj, kiel ni jam supre diris, estas propozicioj *specialaj,* kiuj postulas predikate nur *verbojn de sensa perceptado,* kiel: *vidi, aŭdi, senti,* ktp., krome, nur por formo infinitiva, ankoraŭ: *igi* kaj *lasi,* dum en la ec-propozicioj la predikata verbo povas esti diversa.

Pri la ag-propoziciaj formoj (c-kaj d-ekzemplo) la Plena Gramatiko de Esperanto diras, ke al la du formoj *preferinda estas la infinitiva,* do tiu formo, kiu estas la plej natura kaj uzata ankaŭ en la slovaka. Se oni tamen volás uzi la participian formon, oni estu prudenta por ne fuŝi pro ĝi la rektobjektan epiteton!

Por tion eviti, oni devas scii la kriterion de la korekte uzita participa predikativo en la atribuaj ag-propozicioj. Ĝi estas: a) *la objekton kun la participa predikativo* oni povas transformi sen senco-ŝanĝo en subpropozicion kun KE-subjunkcio, aŭ b) *la paricipan predikativon* anstataŭigi, sen senco-ŝanĝo, per infinitivo.

Ni analizu do, laŭ la supra kriterio, la sekvantajn ekzemplojn:

*I. Mi aŭskultis la kanton komponita de vi.*

*II. Vi do vidis la lampon falanta sur la teron.*

*III. Petro vidis la libron ampleksanta 800 paĝojn.*

I. a) Mi aŭskultis, KE la kanto estas komponita de vi — sensencaĵo!

b) Mi aŭskultis la kanton KOMPONI de vi — ankaŭ sensencaĵo!

Sekve la participo ne estas predikativo, sed epiteto, akordiĝanta nombre kaj kaze kun la objekto. Jen la ĝusta formo de la propozicio:

*Mi aŭskultis la kanton, komponitan de vi,* aŭ: *Mi aŭskultis la de vi komponitan kanton.*

II. a) Vi do vidis, Ke la lampo falas sur la teron — ĝusta senco.

b) Vi do vidis la lampon FALI sur la teron — ankaŭ ĝusta senco.

*Sekve la participo estas predikativo de atribua ag-propozicio.*

III. a) Petro vidis, KE la libro ampleksas 800 paĝojn —

b) Petro vidis la libron AMPLEKSI 800 paĝojn.

Ŝajne ambaŭ propozicioj estas korektaj — kaj tamen ili ne respondas la kriterion! Ni esploru, kian ideon prezentas la III. ekzemplo. Ĝi diras, ke Petro vidis *tiun* libron, *KIU* ampleksas 800 paĝojn kaj *ne,* ke li konvinkiĝis pri la amplekso de la libro, kiel tion komprenigas la subpropozicio kaj la infinitiva propozicio. La participo do *ne* estas predikativo de atribua ag-propozicio, sed ja fuŝe prezentita objekta epiteto. La korekta formo de la III., ekzemplo devas esti do: *Petro vidis la libron, ampleksantan 800 paĝojn.*

Rezulto: La I. kaj III. ekzemplo ne estas atribuaj ag-propozicioj, eĉ se ilia predikata verbo estas tiu de perceptado.

Koncerne la participan predikativon estas ankoraŭ notinde, ke ĝi *neniam* povas stari antaŭ la objekto, aŭ la objekto kaj ties determinilo (artikolo aŭ demonstrativo): Ili aŭdis la *ridanta* infanon(!). Vi do vidis la *falanta* lampon(!), ktp. Tiuloke povas stari *nur epiteto:* Mi aŭskultis la *de vi komponitan* kanton. Petro vidis la *800 paĝojn ampleksantan* libron.